# Vorto de la redaktoro

Mi evidente komencu mian enkondukon de ĉi tiu nova numero per la anonco de nia nova prezidanto : Roland Schnell el Germanujo, kiu sin prezentos en la venonta numero de nia bulteno. Nova paĝo do por nia asocio ! Gratulon, dankon kaj kuraĝon al li !

Kiam vi ricevos ĉi-tiun numeron, eble viaj memoraĵoj pri la pasinta somero ŝajnos jam malnovaj. Tamen ĝi estis sufiĉe riĉ-eventa por ni membroj de ATEO. Sur la plej alta ŝtupo de la podio staras kompreneble la Universala Kongreso en Islando, kaj nia tradicia kunveno kiun ni kutime rezervas por debato-temo. Ĉi-jare ni invitis la prezidanton de la Islanda Etika Humanisma Asocio, kiu prelegis pri sia organizaĵo kaj ties agado por ekster-religia edukado de infanoj (legu sekvajn paĝojn). La salono estis plena ne nur de ateistoj, sed videble ankaŭ de pluraj di-kredantoj. La sukceso de la kunveno estis raportata en la kongresa kuriero *Aŭroro*, kaj eĉ laŭde menciita, sabaton matene, en la solena fermo de la kongreso. Cetere fine de la kunveno membriĝis kolekto da novaj membroj. Bonvenon al ili.

Nia asocio nun havas paperan faldfolion utilan por la diskonigo de nia agado, kaj kiun kompreneble ĉiuj membroj povas disponi.

La Movada Foiro (la unuan sabaton de la kongreso) estis okazo renkonti amason da scivolemuloj, sed pro la bruo kaj la varmo, la momento ne estis tre taŭga por longa konversacio. Ni tamen disdonis la flugfoliojn kaj varme invitis ĉiujn al la marda prelego.

Mallonga administrada kunveno plezurige elmontris ke la asocio bonfartas kaj pro la financa situacio, kaj pro la konstanta nombro de membroj. Ni ankaŭ decidis renovigon de la retejo. Tiu projekto nun estas en preparo. Mi esperas ke en la 18[a] numero ni povos ĝin prezenti.

Krome, en ĉi-tiu numero vi trovos plurajn distemajn kontribuojn inter kiuj kelkaj estas tradukoj el diversaj revuoj aŭ retejoj. Ke la bulteno finiĝas per du recenzoj pri interesaj libroj estas io nekutima, sed bona rimedo por longigi nian ateisman pripenson post la legado de la bulteno. Estus vere interese se ni povus, eĉ se pli koncize, prezenti en ĉiu numero, faskon da novaj eldonaĵoj en rilato kun nia agado. Pripensu.

Ĝis baldaŭ kaj nun bonan legadon.

*Christian Rivière*

# Islanda etika edukado ĉe ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo (ATEO) kunvenis mardon la 23an de julio je 15h30 en salono Broadribb, kun partopreno de 30-40 personoj. En tiu ĉi publika kunveno ATEO gastigis Hope Knútsson, fondinton kaj nun prezidanton de la Islanda Etika Humanisma Asocio. Ŝi prezentis ĝian programon de laikaj konfirmacioj, iniciato komenciĝanta antaŭ 25 jaroj. Anstataŭ partopreni en religia konfirmacia ceremonio, la gejunuloj sekvas 12-semajnan kurson de diskutado kaj edukado pri etiko, kritika pensado, homaj rilatoj, egaleco, rilatoj inter la seksoj, malhelpo kontraŭ misuzo de drogoj, skeptikeco, protektado de la vivmedio, rilatoj kun la gepatroj, adoleska vivo en komunisma socio, kaj pri respondeca plenkreskula konduto. La kurson kompletigas diplom-ceremonio. La kunveno estis tre sukcesa kaj finiĝis per vigla debato pri la prezentitaj temoj.

*Anna Löwenstein*
*el la kongresa kuriero Aŭroro*

Prelego de Hope Knútsson dum la kunveno de ATEO, la 23an de julio 2013 :

## 25 jaroj da laika konfirmacio en Islando

Mi estas unu el la fondintoj de Sidmennt, Islanda Etika Humanisma Asocio, kaj ĝia nuna prezidanto. Mi ne estas denaska islandano ; mi estas humanisto el la urbo Novjorko. Mi loĝas en Islando de 39 jaroj. Laŭ mi, islandanoj ankoraŭ estas paganoj en sia koro, same kiel ili estis antaŭ 1100 jaroj, kiam la vikingoj unue ekloĝis sur ĉi tiu insulo. La plejmulto el ili diras, ke ili estas kristanoj, se oni demandas pri tio. Sed se oni pludemandas, ĉu ili akceptas kristanajn dogmojn kiel la virga nasko, la origina peko, la sankta triunuo, aŭ la releviĝo de Kristo, la plejmulto alrigardas onin kvazaŭ oni estus freneza kaj respondas, ke ne, ke ili tutsimple ignoras tiajn aferojn, elektas kion ili volas, kaj nomas tion kristanismo. Se mi demandas homojn, “Ĉu vi kredas je Dio ?” la plejmulto da islandanoj diras, ke jes. Se mi petas ilin difini Dion, ili respondas “La Potenco”, “Panjo Naturo”, aŭ “La plej bonaj kvalitoj de la homo”. Ni en Sidmennt opinias, ke multaj islandanoj estas humanistoj, kvankam ili mem ne scias tion.

Estas pli facile diskonigi alternativojn, se ekzistas forta religia

movado. En tia medio, la elekto estas pli klara. En Islando, la homoj plejparte estas indiferentaj pri religio, kaj la ŝtata eklezio malofte prenas firman pozicion pri io ajn. Islando havas unu el la plej altaj procentoj da ekstergeedzaj naskoj en la mondo, multe pli ol 50% de ĉiuj naskoj. Paroj kunloĝas dum jaroj, kaj geedziĝas nur post nasko de pluraj infanoj. Gejaj rajtoj estas inter la plej liberalaj en la mondo. Sed estas oftaj kvereletoj interne de la ŝtata eklezio, kaj miliardoj da islandaj kronoj estas elspezataj por ĝiaj ĝenerale malplenaj preĝejoj. Ĝiaj pastroj estas ŝtataj dungitoj. La homoj vidas ilin ne tiom kiel spiritajn gvidantojn, sed pli kiel ŝtatoficistojn.

Dum miaj fruaj jaroj kiel nekristana eksterlandano en Islando, mi sopiris je kontakto kun aliaj humanistoj, ateistoj kaj liberpensuloj. Kiam miaj gefiloj alproksimiĝis al la aĝo de konfirmacio, ĉiuj supozis, ke ili faros same kiel la granda amaso kaj estos konfirmaciataj (same kiel pli ol 90% da adoleskuloj) en la luterana ŝtata preĝejo. Konfirmacio havas longan historion en Islando ; ĝi estas rito, laŭ kiu infanoj ĉeestas meson kaj respondas unu demandon : “Ĉu vi akceptas Jesuon kiel vian savanton ?” Kiam miaj gefiloj arde respondis, ke ili tute ne intencas partopreni en religia konfirmacia ceremonio, la homoj demandis kial. Ni diris, “ĉar ni ne estas kristanoj, kaj opinias, ke estas hipokrite ekstari en preĝejo por proklami kredon, kiun oni ne havas”.

Mi jam estis aŭdinta pri laika konfirmacio en Norvegujo, do mi skribis al la Norvega Humanisma Asocio por peti konsilon. En 1988 mi verkis artikolon por ĵurnalo ĉi tie, dirante ke miaj infanoj estos la unuaj islandanoj kiuj partoprenos en laika konfirmacio. Mi priskribis la kurson de prepariĝo kaj la ceremonion laŭ la norvega modelo, kaj demandis, ĉu ĉi tie estas aliaj familioj, kiuj volus fari tion kun ni. Dek kvin familioj respondis. Mia edzo, kiu estas senĝena vikingo sen forta opinio pri religio, akceptis ĉion. Mia telefono komencis sonoradi, kaj de tiam la telefono neniam silentis. La afero, kiun mi atendis fari nur unu fojon, fariĝis vivlongaj sindevigo kaj agado !

La Ministro pri Edukado kaj Kulturo estis parolanto ĉe nia unua laika konfirmacia ceremonio en 1989, kaj ricevis laŭtajn kondamnojn de iuj homoj pro sia partopreno en tiu “ne-kristana okazaĵo” ! Debatoj furoris en la gazetaro dum tiu unua jaro. Iuj diris, ke se afero ne estas kristana, do ĝi devas esti kontraŭ-kristana, kaj ke tre baldaŭ okazos ankaŭ nesanktaj funebraj ceremonioj. Mi respondis, ke efektive ni helpos la homojn organizi laikajn funebrajn ceremoniojn. Mi demandis ilin, kion ili pensus, se




vivinte kiel kristanoj la tutan vivon ili poste estus enterigitaj per funebra ceremonio gvidata de pastro el tute alia religio aŭ vivfilozofio. Mi diris, ke la plejmulto da homoj deziras funebran ceremonion, kiu akordiĝas kun iliaj valoroj. Mi diris, ke ni ne kontraŭas ion ajn krom hipokriteco, kaj ke eĉ en Islando, kie la homoj estas sufiĉe maldiversaj, ne ĉiuj pensas kaj agas laŭ la sama maniero.

Mi diris, ke ni ne volas forpreni la kristanismon de iu ajn, kaj ke ni efektive respektas tiujn infanojn, kiuj elektas konfirmacion en preĝejo pro sincera kredo. Ni simple proponas alternativon al tiuj, kiuj estas nereligiaj, aŭ ankoraŭ necertaj pri sia kredo, aŭ kiuj ne estas pretaj ĵuri fidelecon al Jesuo por sia tuta estonta vivo. Nun, 25 jarojn poste, pliiĝis la homoj en Islando, kiuj ne estas kristanoj, kaj multaj el ili elektas laikan konfirmacion, ĉar tio estas sendependa de religio kaj instigas onin vivi laŭ respondeca maniero.

Ekde 2008 Sidmennt ankaŭ disponigas laikajn kaj humanismajn nomceremoniojn por beboj, geedziĝojn, kaj funebrajn ceremoniojn solenatajn de trejnitaj celebrantoj. Niaj sekularaj alternativoj fariĝas ĉiujare pli akceptataj kaj pli popularaj. Nia slogano estas, ke indas havi elekteblecon, ĉar tio devigas onin pensi.

Multaj homoj, inkluzive de iuj pastroj, opinias, ke nia alternativa programo de konfirmacio estas aprobinda, sed ili plendas pri nia uzo de la vorto “konfirmacio”. Ni respondas, ke ankaŭ en aliaj landoj kie tia alternativo ekzistas, oni kutime nomas ĝin “laika konfirmacio” aŭ “humanisma konfirmacio”. Eĉ iam okazis, ke la membroj de Sidmennt voĉdonis, ĉu cedi al la kritikantoj kaj nomi ĝin “plenkreskiĝa ceremonio”, sed ni decidis resti ĉe la termino “laika konfirmacio”. La islanda nomo de Kristnasko estas la pagana vorto *jol* (parenca al la vorto *yule* en la angla). Ni foje diras, ke kiam la kristanaj islandanoj redonos la vorton *jol* al la paganoj, tiam ni ĉesos uzi la vorton “konfirmacio”.

Je la 3[a] de majo 2013, Sidmennt atingis unu el siaj fondoceloj, kaj registriĝis kiel sekulara vivfilozofia asocio, kun egala jura kaj financa statuso kiel religiaj vivfilozofiaj organizaĵoj, laŭ nova leĝo akceptita en januaro.

**La programo de laika konfirmacio de Sidmennt**

Ĉirkaŭ 90% da islandaj adoleskuloj estas konfirmaciataj en luterana ŝtata preĝejo, ĉu aŭ ne ili estas kredantoj. Ni opinias, ke estas hipokrite ŝajnigi kredi je afero, kiun oni tamen ne kredas. Laŭ ni, la plejmulto da 13-jaruloj ankoraŭ ne estas certaj, kion ili kredas. Tial ni proponas alternativan manieron por marki la transiron de infaneco al juna plenkreskeco.

Nia prepara kurso por laika konfirmacio temas pri : etiko, kritika pensado, homaj rilatoj, homaj rajtoj, egalaj rajtoj, rilatoj inter la seksoj, malhelpo de misuzo de drogoj, skeptikeco, protektado de la vivmedio, rilatoj kun gepatroj, adoleska vivado en konsumisma socio, kaj la signifo esti plenkreska kaj respondeci pri la propraj opinioj kaj konduto. La instruistoj estas plejparte filozofoj. En nia kurso estas du ĉefaj reguloj : 1) Oni rajtas esti malsama, vesti sin malsame, aspekti malsame, kaj havi malsamajn opinojn rilate al la plejmulto ; 2) Oni strebu ĉiam esti sincera. La kurso daŭras 12 semajnojn, unu fojon semajne, dum horo kaj duono post la lernejo. Niaj ceremonioj de laika konfirmacio okazas printempe, post kompletigo de la tri-monata kurso, kiu komenciĝas en januaro. En 2000 ni komencis proponi la saman kurson koncentritan en du semajnfinoj por gejunuloj, kiuj loĝas ekster la ĉefurba regiono. Ni proponas kaj la kurson kaj la ceremonion en Akureyri, kiu estas la plej granda urbo en la nordo de la lando. Ni ankaŭ foje proponas la kurson kaj ceremonion en aliaj

regionoj, se troviĝas sufiĉe da gejunuloj en la sama regiono.

Fine de la kurso estas formala diploma ceremonio, en kiu ses ĝis dek el la gejunuloj faras ian prezenton. La salono estas ornamita de floroj kaj flagoj, kaj trumpetisto ludas festan marŝmuzikon dum la gejunuloj paradas internen. Estas muziko, paroladoj kaj poezio. Eminenta islandano faras paroladon pri temoj kiel diverseco, pri respekto al homoj kiuj kuraĝas ne blinde sekvi la amason, aŭ pri la graveco esti respondeca homo. Ĉiu konfirmaciato ricevas diplomon, en kiu estas esprimata la espero, ke li aŭ ŝi fariĝos malfermita, respondeca, tolerema homo tre honesta. Niaj ceremonioj okazis foje en kultura centro, en artmuzeo, en la urbodomo de Rejkjaviko, kaj ekde 1998 ni plenigas unu el la plej grandaj salonoj en Islando per 1000 gastoj por ĉiu ceremonio. Dum la lastaj du jaroj ni faris 7 kursojn kaj 6-7 ceremoniojn ĉiujare en diversaj partoj de la lando. Ni ankaŭ faras korespondan kurson por islandaj adoleskuloj loĝantaj eksterlande, kaj ankaŭ tiu programo multe kreskas. Ĉi-jare 12 infanoj faris la retan kurson. Multaj el ili venas al Islando por partopreni en la grandaj ceremonioj, sed ni proponas ankaŭ individuan ceremonion hejme por tiuj gejunuloj, kiuj ne povas ĉeesti niajn grupajn ceremoniojn.

La programo de laika konfirmacio nekredeble kreskis post sia malgranda komenciĝo en 1989 kun 16 gejunuloj en la unua kurso. En 1996 ni lanĉis informkampanjon perpoŝte, sendante informojn pri laika konfirmacio al la hejmoj de familioj kun infanoj de la ĝusta aĝo en la ĉefurba regiono. Tiu ĉiujara kampanjo rezultigis, ke aliĝoj al la programo duobliĝis de mezume 25 jare al ĉirkaŭ 50. En 2000 ni vastigis la poŝtan kampanjon al la tuta nacio. La programo kreskis je 40% nur dum la lastaj kvin jaroj, kaj pli ol 200 gejunuloj nuntempe partoprenas ĉiujare. Ĉi tiu jaro estas la 25ª datreveno de la programo en Islando. Preskaŭ 2000 islandanoj partoprenis de kiam ni komencis, kaj ĉirkaŭ 25000 gastoj ĉeestis la ceremoniojn. Nun ni eĉ havas duan generacion de gejunuloj, kiuj faras la laikan konfirmacion. Ni ricevas multajn aprezajn leterojn de gepatroj pri nia programo. Ankaŭ multaj geavoj diras al ni, kiom ili estis surprizitaj kaj impresitaj, ke la ceremonioj estas emociigaj kaj belaj. Ni estas tre fieraj, ke ni povis proponi al la islanda socio tiel gravan programon, kiu estas tiel signifoplena por tre multaj familioj de kvarona jarcento.

***Hope Knútsson**, prezidanto de Sidmennt, estas fondinto kaj direktoro de laika konfirmacio en Islando. Hope estas psiĥiatra laborterapiisto el la urbo Novjorko, kiu loĝas kaj laboras en Islando de 39 jaroj.*

Notoj :

Laika konfirmacio en la islanda nomiĝas *borgaraleg ferming*. Mallongaj filmetoj de multaj el niaj ceremonioj de la lastaj jaroj estas troveblaj en YouTube kaj en nia retpaĝaro ĉe http://sidmennt.is. Multaj aliaj informmaterialoj aperas sur nia retpaĝaro kune kun la aliĝilo.

La teksto de la diplomo estas jena : "___ finis la kurson de Sidmennt de laika konfirmacio (dato kaj jaro). Ni esperas, ke vi utiligos la instruojn kaj gvidadon, kiujn vi ricevis, por fariĝi homo tolerema kaj tre honesta. Bonvenon al la plenkreskeco kun ĉiuj respondecoj, kiuj akompanas ĝin."

ATEO adresas siajn plej sincerajn dankojn al Eliza Kehlet (de Esperanto al la angla) kaj Brian Moon (de la angla al Esperanto) pro iliaj tradukadoj dum la prelego kaj dum la fina debato.

Kelkajn semajnojn post la kongreso, Hope Knútsson lasis pozitivan komenton sur angla-lingva ret-diskutejo :

*Mi opinias ke Zamenhof havis ĝustan ideon per Esperanto : lingvo facile lernebla kaj apartenanta al neniu nacio, do ĉiu situas je egala nivelo.*

## La herezuloj kaj la sanktulo

Je la hodiaŭa dato de la jaro 1543, mortis Nikolao Koperniko.

Li mortis ĉe la komenco de la diskonigado de la unuaj ekzempleroj de lia libro, kiu klarigas ke la mondo ĉirkaŭiras la sunon.

La Eklezio malpermesis tiun libron, ĉar ĝi mensogas kaj kontraŭdiras la Sanktajn Librojn ; ĝi kondamnis al morto per bruligado la monaĥon Giordano Bruno, ĉar li diskonigis tiujn ideojn, kaj devigis al Galileo nei sian kredon je tio.

Tri jarcentojn kaj duonon poste, Vatikano pentis pro la rostado de la vivanta Giordano Bruno kaj anoncis konstruadon de statuo, en siaj ĝardenoj, omaĝe al Galileo.

La ambasadejo de Dio sur Tero bezonas tempon por praktiki la justecon.

Sed ĝi ne nur pardonis tiujn herezulojn, Vatikano samtempe sanktigis la inkvizician kardinalon Roberto Bellarmino, do nun sankta Roberto kiu akuzis kaj kondamnis Brunon kaj Galileon, do estas en la ĉielo.

*Galeano la 24$^{an}$ de majo*

# Fajroj

Je hodiaŭa noktomezo aŭd-videblas piroteknikaĵoj. La aborigenoj kuniĝas ĉirkaŭ lignofajro.

Ĉi-nokte oni purigas sian domon kaj animon. Oni ĵetas en fajron malnovajn aferojn kaj malnovajn dezirojn, aferojn kaj sentojn eluzitajn de la tempo, por ke la novo naskiĝu kaj trovu lokon por resti.

Ekde la nordo de la mondo, tiu tradicio disiĝis ĉien. Ĝi ĉiam estis pagana festo. Ĉiam, ĝis kiam la Katolika Eklezio decidis nomi ĝin Nokto de Sankta Johano.

*Galeano la 23an de junio*

# La suno

Ekde hodiaŭa sunleviĝo okazas la festo de la suno, Inti Raymi, en la stepoj kaj montaroj de Andoj.

Komence de la praa tempo, Tero kaj Ĉielo estis en malhelo. Nur nokto estis.

Kiam la unua virino kaj la unua viro elakviĝis de la lago Titikako, tiam naskiĝis la suno.

La suno estis inventita de Viracocha, la ĉefdio, por ebligi al viro kaj virino vidi unu la alian.

*Galeano la 24an de junio*



## La monda zono

Je la jaro 234 antaŭ Kristo, saĝulo nomata Eratosteno starigis bastonon sur la planko, tagmeze, en la urbo Aleksandrio, kaj mezuris ĝian ombron.

Post unu jaro, ekzakte je la sama horo de la sama dato, li starigis la saman bastonon en la urbo Asuano, kaj pruvis ke ombro ne estas.

Eratosteno konkludis ke la diferenco inter la ekzisto kaj neekzisto de la ombro estas pruvo, ke la mondo ne estas plata, sed sfera. Do li mezurigis la distancon inter tiuj du urboj, per homaj paŝoj, kaj per tiu informo li kalkulis la perimetron de la mondo.

Li eraris je 90 kilometroj.

*Galeano la 22an de julio*
*Rafael Henrique Zerbetto*

## Ĉu la homoj … ?

Ĉu la homoj kiuj emas sekvi la Biblion laŭlitere favoras al la sklavigo de homoj ? En la Antikva Testamento, en la libro de Levi, ĉapitron la 24an, legeblas : "Kaj rilate al viaj sklavoj, ili devenos el la nacioj kiuj ĉirkaŭas vin. El ili vi aĉetos sklavojn kaj sklavinojn (...) Kaj vi posedos ilin pere de heredo por viaj filoj post vi ; eterne vi igos ilin servi vin".

*César Dorneles*

## Kosmologio – pripensi la universon

Tio, kion oni diras pri la universo ne spegulas ĝin. Tial ke ne eblas kapti ĝin, kadre de niaj kategorioj de penso racia. Kiuj kategorioj ? Unue, tiu de la *identeco*. Ni ĉiam pripensas ion per komparo al io alia, sed la universo ne havas « spegulon » ; ĉar la universo tutas kaj la tuto simple tutas. Ĝi ne ebligas ion alian. Due, la kategorio de *kaŭzo*. Ni ĉiam komprenas ion kaŭzita de io alia. Sed se oni uzas tion por la universo oni enfalas en senfundan puton, tial ke la kaŭzo de la kaŭzo sin trudas senfine (eĉ kiam oni postulatas dion, kiel la unuan kaŭzon, oni ĉiam povas demandi pri la kaŭzo de la kaŭzo, t.e. pri la kaŭzo de dio, kvankam kutime la homoj, pro laceco, sin haltigas je tio). Do, uzi kelkajn el niaj kon-kategorioj por pripensi la universon ne taŭgas por kompreni ĝin.

Sed kion oni kutime diras pri la universo ? Ni disdividu la problemon duflanke. Unue, universo finita ; due, universo nefinita. Kion signifas tio ? Finita universo : universo, kiu komenciĝis kaj finiĝos. Nefinita universo : universo senkomenca kaj senfina.

Sed, kio estas universo komenciĝinta kaj finiĝonta ? Ĉu eblas pripensi tion ? Fizikistoj parolas pri praeksploda punkto, kaj aldonas ke tiu

punkto estas senfina, t.e. punkto senlima kaj sentempa (la hipotezo supozigas spacon kaj tempon kiel universe internajn formojn). Ĉu nia racia penso povas kompreni tion ? Se ni ĉiam komprenas fizikaĵojn enkadre de spaco kaj tempo, ĉu eblas kompreni kompaktan universon senspace kaj sentempe ? Ne enkadre de racia penso.

Krome, la universo ne reduktiĝas al materio, do ne povas esti nura fizikaĵo. La penso ankaŭ estas universa realaĵo. Ankaŭ universas ĝi. Do, la universo estas kaj materia kaj spirita. Kaj ambaŭ estas el la sama substanco – la universa substanco – ambaŭ elprezentas la universon. Kiam oni reduktas la universon al nura materio kaj forgesas la penson, oni forgesas precize tion per kiu pripenseblas la universo. Ĉu eblas pripensi ĝin de ekstere ? Certe ne. Tiuj, kiuj pripensas ĝin, apartenas al la universo mem. Do ne eblas forigi la penson el la tuta universo. Tiel procedante, tiuj kiuj reduktas la universon al nura materio misprezentas la problemon. Kial oni rajtus forigi la penson el la tuto kaj ne la materion ?

Do pripensi limon por la universo estas absurdaĵo laŭ niaj raciaj kategorioj, sed aliflanke supozi ĝin senlima ne estigas ĝin enkalkulebla ene de niaj spactempaj kategorioj. Kion signifas tio ? Ĉu la universo estas enigmo netranspasebla ? Aŭ male ĝi sin senmisterigos kiam ni ŝanĝos niajn pens-kategoriojn ?

Dum la pratempoj la logiko de la penso ne estis racia, tio estas, la penso ne moviĝis enkadre de identeco kaj nekontraŭdiro. Tiun penson oni nomas mita. En ĝi, io povas esti alia, eĉ la kontraŭdiro ne malvalidas la penson. En ĝi, ĉiuj vizaĝoj de la realo intermiksiĝas kaj la sonĝo kun la vekiĝa vivo, kaj la vivo kun la morto, kaj la dioj kun la homoj. Tamen post kiam tiu penslogiko fariĝis neprofita, novan logikon adoptis la penso, alivorte la penso fariĝis racia. Alidirite penso laŭ la logiko de identeco (io estas io mem) kaj kontraŭdiro (io ne povas kaj esti kaj ne esti samtempe). La realo dividiĝis laŭ planoj. De tiam pripensi la realon postulis novan penso-kategoriaron. Per ili oni spiritigis la diojn kaj lokis ilin ekster la mondo (de tiam nur fizika), alivorte, oni asertis spiriton kaj materion nekongruantaj substancoj. De tiam oni kutime forgesas ke tia disiĝo elvenas nur el postulo de penso racia.

Do, pripensi la universon nur kiel fizikaĵon estas neelteneble, ĉar ankaŭ la penso estas universo, kvankam ne fizikaĵo. Sed tia kompleksa universo ne eblas enkadre de penso racia. Oni bezonas alian kategorion de penso. Sed kian kategorion ? Eble la kontraŭdiron mem, kiel bazan kategorion post-racian.





*Darwino (de Serge Sire)*

Kial la kontraŭdiro ne havas sencon kadre de la racia penso ? Tial ke oni supozas la realon nekontraŭdira. Tiel, se oni asertas ke io moviĝas, ekzemple, pensi tion senmova estas eraro, ĉar oni supozas ke en la universo ĉio moviĝas aŭ ne. Sed tio ne veras absolute, ĉar kiam oni referencas ion kiel senmovan punkton tio ne valoras por alia punkto. Fakte tiu, kiu senmoviĝas en iu situacio, ja moviĝas rilate alian. Ekzemple, se oni asertas sunon senmova en sunsistema planedo, oni ne povas aserti tion rilate al la koncernata galaksio. Kontraŭdiran penson oni bezonas por pripensi la universon. Universo fizika kaj nefizika ne estas ekskluzivaj. Sed supozi tion ne signifas kompreni tion. Kiuj estas la kondiĉoj por ke kontraŭdiro havu sencon ? Kial, kiel jam dirite koncerne la ekzemplon pri movo aŭ senmovo de la suno, oni asertas sensenca la kontraŭdiron ene de sama sistemo, sed ne tion se oni komparas pli ol unu sistemon. Tio signifas ke se oni havas pli ol unu sistemon la kontraŭdiro inter ili estas ne simpla kontraŭdiro sed komplemento. Do malsimpla realaĵo enhavas kontraŭdirajn erojn, kiuj estas la esenco de tia realaĵo. Tion oni povus aserti por la universo. Malsimpla realaĵo kaj materia kaj spirita, estas samtempe finita kaj nefinita, lima kaj senlima, tio estas, temas pri realo absoluta, kies manifestacioj materia kaj spirita estas formoj laŭ kiuj tio manifestiĝas. Ĉu eblas kompreni tion ? Almenaŭ ĝi estas pli facile konceptebla ol transcenda dio (pura spirito), kreanto de la universo (pura materio), tial ke disigo de materio kaj spirito, kiel du ne kongruantaj substancoj, kreas pli da malfacilaĵoj ol ties kunligo. Momente, kiel kompreni bezonon de spirito por krei materian mondon ?!!

*Amadora, julion 2013*
*Luís Ladeira*

## Ateistoj lanĉas Konsilion de eksaj islamanoj

Eksaj islamanoj, kiuj malligiĝis de islamo, postulas la rajton diri publike, ke ili estas ateistoj, kaj kritiki sian originan religion. Ili lanĉis, sabate, en Parizo, « ***Konsilion de eks-islamanoj en Francio*** ». « *Ni estas grupo de ateistoj kaj de nekredantoj, kiuj pro tio, jam alfrontis minacojn kaj kritikojn en niaj privataj vivoj. Pluraj el ni estis arestitaj pro blasfemo* », klarigas la membroj-fondintoj ĉe fejsbuko.

Je la origino de tiu Konsilio konsistanta el trideko da membroj el diversaj naciecoj (maroka, alĝeria, pakistana…), estis alvoko de Waleed Al-Husseini, 28-jara palestina blogisto.

*El la taggazeto* ***Ouest-France***
*Lundon, la 8an de julio 2013*
*Jackie Huberdeau*

## Respondo al kristana pastro

Saluton... Mi ĵus tre baze respondis al kristana pastro pri la kutimaj demandoj, kaj mi pensas ke tiu teksto povus esti utila ankaŭ por aliaj. EVIDENTE, la enhavo estas supraĵa, mezlernejeca, sed mi pensas ke ĝi utilas por informi homon, kiu nenion, aŭ preskaŭ nenion aŭdis pri tiaj aferoj :

"Fakte, ni ĉiuj estas denaskaj ateistoj, neniu naskiĝas kredante je Dio. La sciencaj klarigoj pri ĉio kion vi scivolas estus tre longa. Sed la plej grava diferenco estas : religio volas doni respondon al ĉio, sed pruvas absolute nenion. Ĉio baziĝas sur la kredo, sed ekzistas neniu strebo pruvi ion ajn. La sciencistoj estas humilaj homoj, konscias ke estas multegaj demandoj sen respondoj, sed la celo estas esplori, studi, kaj iom post iom trovi respondon al kiel eble plej da demandoj. Estas klare ke, nescio pri respondo ne pravigas imagi tiun respondon sen iu ajn bazo, kion fakte faras religio.

Pri la origino de la universo nuntempe estas teorio, ĝenerale akceptata de preskaŭ ĉiuj elstaraj fizikistoj, kiel Stephen Hawking. Temas pri la praeksplodo tiel nomata "Big Bang". Tiun teorion oni atingis per diversaj fizikaj kalkuloj surbaze de la fenomenoj nuntempe observataj ligitaj al la fizikaj leĝoj funkciantaj en la universo, kaj kiel subtenon de tiu teorio oni trovis multajn faktojn, astronomiajn kaj matematikajn, kiuj pruvas la validecon de tiu teorio. Sed mi avertas ke sen profundaj konoj pri fiziko ne facilas tuj kompreni la teorion.

Ekde tiu komenco de la universo ĝis nun pasis miliardoj da jaroj, kaj estas kalkulita pli-malpli la momento kiam tiu praeksplodo okazis. Pri la apero de

vivo en la planedo, oni devas retroiri al la momento kiam la neorganika materio pro konkretaj kondiĉoj transformiĝis en organikan materion. Pri tio vi povas legi ĉi-tie :
http://en.wikipedia.org/wiki/Abiogenesis
El tiu unua ekesto de la organika materio kaj de la unuaj organikaj estaĵoj, dum milionoj da jaroj tiuj estaĵoj disiĝis, ŝanĝiĝis pro diversaj ĉirkaŭantaj kondiĉoj kaj pro ŝanĝiĝoj de la kondiĉoj, adaptiĝis al la diversaj medioj. El tiuj procezoj devenas la nunaj vivantaj estaĵoj de la naturo (plantoj, bestoj, ktp.). Tio ja estas la teorio de la Evoluo, esprimita unue de Darwin meze de la deknaŭa jarcento, sed evidente multe pli perfektigita nuntempe. Tiu teorio nun estas nediskutebla, ĉar ekzistas amaso da pruvoj, de la fosilioj ĝis la nuna genetiko, kiu nuntempe ebligas laŭiri la tutan genetikan sinsekvon de la nunaj bestoj, plantoj (kaj la homo) kaj kompreni kiel evoluis el vivantaj estaĵoj, multaj el tiuj kiuj ne plu ekzistas sed konatas pro fosilioj, pro sinsekvaj branĉiĝoj, adaptiĝoj fiziologiaj, ktp. Pri tio vi povas legi ĉi tie :
http://en.wikipedia.org/wiki/Evolution (mi donis al vi ligilojn en la angla, sed vi povas trovi ilin en aliaj lingvoj). Jes, kiel vi vidas, ĉio havas sian originon. Ne necesas imagi diojn.

*Pedro Hernández Úbeda*

# La dekalogo

En mia antaŭa kontribuo al la revuo mi parolis pri tio kiel povas ekzisti etiko sen dio. En ĉi tiu, male mi volas reliefigi sur kio baziĝas la moralo de la dio de judoj kaj kristanoj.

Mi analizos la portantajn kolonojn de la juda-kristana moralo : la dek ordonoj.

- Antaŭ iom da tempo, diskutante pri tio, kio estas la plej bona etika konduto, amiko tre simple respondis : Sufiĉas obei la dek ordonojn. Tre probable tiu amiko malfermis Biblion maksimume du-tri-foje, eĉ ne legante ĝin kaj li akiris siajn malmultajn nociojn el infanaĝaj katekismoj.
- En Usono, prezidanto de iu supera Kortumo faris el ili monumenton ekster la tribunalo, kiel ateston ke la justico inspiriĝas je ili, kaj kontraŭ ateistoj.
- En marto 2012, prezidanto de la Itala Episkopa Komunumo, kardinalo Bagnasco, en prediko dum diservo diris : "Dio donis al ni ordonojn, kiujn ofte oni forgesas, opiniante ke la moderna kulturo [en la mondo] povas rezigni Dion kaj fari mem leĝojn. La rezultojn ni rimarkas en multaj kampoj de nia socia kaj civila vivo, de nia familia kaj persona vivoj en nia

medio : kiam Dio estas obskurigita, homo perdiĝas”.

Bone. Ni analizu de iom pli proksime pri kio temas tiaj ordonoj, kiuj devus esti fundamentoj de nia etiko.

Kvankam multaj eĉ ne imagas, ekzistas du serioj de ordonoj : en Eliro *34:28* kaj en Readmono *10:4*, same kiel ekzistas du rakontoj pri la kreado.[1] Ni citos tiujn el Eliro.

Kaj nun ni ekzamenu ilin unu post la alia.

– *Mi estas la Eternulo, via Dio, kiu elkondukis vin el la lando Egipta, el la domo de sklaveco.*

Ĝi prezentas sin, kaj tuj aludas al ia dankemo ŝuldita de homo al ĝi, pro la liberigo de sklaveco.

– *Ne ekzistu ĉe vi aliaj dioj antaŭ Mi. Ne faru al vi idolon, nek bildon de io, kio estas en la ĉielo supre aŭ sur la tero malsupre aŭ en la akvo sub la tero.*

Per ĉi tiu ordono ĝi jam metas la bazojn por ĉio alia : Ekzistas nur MI ; eĉ ne pensu havi alia(j)n dio(j)n. Oni tuj rimarkas la solvon por kundividita etiko : ĉiuj kredu je unu dio kaj tiel ne estos problemoj de elekto pri personaj kondutoj. Se necesas, oni povus eĉ subpremi per forto tiun, kiu ne kredas aŭ havas aliajn diojn. Ĝi faligis la bazojn por unu el la fundamentoj de demokratio : libereco de religio ...

Per la dua alineo dio diktas alian universalan leĝon (certe tre necesan) por personaj interrilatoj. Ĝi ne volas ke oni faru bildon de ĝi. Eble ĝi estas timema, aŭ eble ĝi ne volas komprenigi al kiu ĝi similas, pro tio ke ni estis kreitaj je ĝia bildo kaj similo.

– *ne kliniĝu antaŭ ili kaj ne servu ilin ; ĉar Mi, la Eternulo, via Dio, estas Dio severa, kiu la malbonagon de la patroj punas sur la idoj en la tria kaj kvara generacioj ĉe Miaj malamantoj, kaj kiu faras miloj da favor-koraĵon al Miaj amantoj kaj al la plenumantoj de Miaj ordonoj.*

Dio ne kontentiĝas esti ĉiopova, ĉioscia, ktp, ĝi estas ankaŭ ĵaluza, kaj se la gradoj de la kvalitoj estas kiel la aliaj, ni povas imagi ke ĝi estas senfine ĵaluza : ĝi ne eltenas ke oni rigardu aliajn diojn. Sed krome, ke por la cetero de la homaro, ĝi estas konsiderata kiel difekto (kaj ĝi fanfaronas pri tio), el ĉi tiu ordono ni povas eltiri alian fundamentan etikan instruon, kiu paligus la plej famajn nuntempajn juristojn : kulpo ne plu estas individua, sed herediĝas ĝis la pranepoj. Imagu se la Usonaj Superaj Kortumoj aplikus tian ordonon : kiu ŝtelas, transdonas la punon ĝis la kvara generacio. Alia fundamento de kundividita etiko : heredita kulpo, sendepende de sia konduto.

1 Estas du biblioj same kiel estas diversaj dioj

– *Ne malbonuzu la nomon de la Eternulo, via Dio ; ĉar la Eternulo ne lasos senpuna tiun, kiu malbonuzas Lian nomon.*

Krom tio, ke ĝi ne volas esti bildigita, ĝi eĉ ne volas ke oni prononcu ĝian nomon. Tre utila etika principo, tiel ke homoj ne konfuziĝu, se iu nomas ĝin iel dum iu alia nomas ĝin alimaniere ...

– *Memoru ke la tagon sabatan vi tenu sankta. Dum ses tagoj laboru kaj faru ĉiujn viajn aferojn ; sed la sepa tago estas sabato de la Eternulo, via Dio ; faru nenian laboron, nek vi, nek via filo, nek via filino, nek via sklavo, nek via sklavino, nek via bruto, nek via fremdulo, kiu estas inter viaj pordegoj ; ĉar dum ses tagoj la Eternulo kreis la ĉielon kaj la teron, la maron, kaj ĉion, kio estas en ili, sed en la sepa tago Li ripozis, tial la Eternulo benis la tagon sabatan kaj sanktigis ĝin.*

Ĉi tie dio enkondukas la laborsemajnon el ses tagoj. Kaj pro ĝia senfina boneco, ĝi enkondukas la ripoztagon ankaŭ por sklavoj kaj bestoj. Sindikatisto *ante litteram* ... Ĝi zorgas pri tiuj, kiuj laboras kaj estas kontraŭ klasbatalo : mastroj kaj sklavoj rajtas ripozi unu tagon ĉiusemajne. Vere ... homeca !

– *Respektu vian patron kaj vian patrinon, por ke longe daŭru via vivo sur Tero, kiun la Eternulo, via Dio, donas al vi.*

Bela kaj edifa, ĉefe nun kiam epoko tiom ŝanĝiĝis. Imagu tiuepoke kiel povis farti filinoj incestitaj aŭ ofertitaj de patroj al gastoj ... Mi rememoras, antaŭ kelkaj jaroj, pri naŭjara brazila knabino seksperfortata de la patro de kiam ŝi estis sesjara, kaj graveda pro li. Kiel ŝi povus honorigi lin ? Cetere, kiel vi legos poste, ekzistas neniu ordono kontraŭ incesto aŭ seksperforto.

– *Ne mortigu.*

Ankaŭ ĉi tiu ordono, nun obeata iom ĝenerale, por dio estis sufiĉe relativa, pro tio ke en la libro kiun ĝi



diktis al profetoj, oni legas pri mortkondamnoj, buĉadoj, genocidoj, ktp. Tre probable li celis "ne mortigu membron de via sama popolo", sed eĉ tion li ordonis, ekzemple, kiam ĝi instigis Moseon, post la reveno de Monto Sinai, mortigigi al ĉiu sian fraton.

– *Ne adultu.*

Ĉi tiu ordono estas fundamenta kaj pro tio ĝi restis en la okcidentaj leĝaroj ĝis antaŭ kelkdeko da jaroj. Poste nia etiko senmoraliĝis kaj tia krimo restis nepunita (krom en kelkaj "pli evoluintaj" landoj kie ankoraŭ oni ŝtonmortigas adultajn virinojn) ...

– *Ne ŝtelu.*

Denove eble temas pri ordono kiu celas la anojn de la sama popolo, konsiderante ke en la Biblio abundas rabadoj kaj razioj al aliaj popoloj.

– *Ne diru kontraŭ via proksimulo malveran ateston.*

Mi ne komprenas kial tia ordono, kiu povus esti etika kaj utila, estas rezervita al nia proksimulo. Ĉu diri la veron ne estas en si mem virto ?

– *Ne deziru la domon de via proksimulo ; ne deziru la edzinon de via proksimulo, nek lian sklavon, nek lian sklavinon, nek lian bovon, nek lian azenon, nek ion, kio apartenas al via proksimulo.*

Ĉi tie dio superas sin kaj malpermesas ne nur fari, sed eĉ pensi pri tio, kion oni ne devas fari. Evidente ĝi ne povas elteni ke homo eĉ pensu pri malbonaĵo. Krome, en la universaleco de sia penso, ĝi adresas la ordonon al viroj, verŝajne ĉar en ĝia menso eĉ ne estas konsiderata, ke virino povas deziri edzon de alia. Fakte en Biblio ekzistas diversaj personoj kiuj estas pluredzinaj kaj neniu virino kun pluraj edzoj.

Jen, la ĉi-antaŭaj ordonoj estas tiuj de Biblio. Por elturniĝi, la eklezio povus diri ke temas pri etikaj ordonoj kiuj respegulas la tiuepokajn interrilatojn, sed ne eblas, ĉar, relativeco estas abomenata kaj krome oni certe ne povas rezignacii ke biblio estas libro verkita de simplaj homoj. Fakte ĉi tiuj ordonoj, laŭ la katolika katekismo (n.436), estas "*La leĝo donita de Dio al la popolo de Israelo pere de Moseo*". Ĉu sufiĉe klare ? Dio mem donis ĉi tiujn ordonojn.[2]

Dio, kvankam ĉioscia kaj ĉiopova, ne kapablis enmeti etan ordonon, sed tiom grandcelan : "Ĉiuj homoj estas egalaj". Kaj se ĝi aldonus ankaŭ "sendepende de la koloro de haŭto kaj de sekso", estus bona kromaĵo, sed ni eĉ kontentiĝus de la unua parto. Sed, ne nur ĝi ne aldonis tiun ordonon, sed ĝi eĉ permesas sklavecon, kvankam ĝi

2 Mi substrekas tion ĉar protestantoj fundamentistoj, diference de katolikoj, kredas je biblio laŭvorte kaj ne metafore. Sed ĉifoje ili konsentas pri tio ke la ordonoj estas donitaj rekte de Dio.

permesas al sklavoj ripozi unu tagon kaj ne permesas al aliaj mastroj deziri ilin.

El ĉi tiuj dek ordonoj, nur tri eniris la leĝarojn de civilizaciitaj landoj (mi ekskludas el ĉi lasta kategorio la barbarajn landojn kie oni ŝtonmortigas adultulinojn) : *Ne ŝtelu*, *Ne mortigu*, *Ne parolu kontraŭ via proksimulo malveran ateston*. Kompreneble ekzistas homoj kiuj opinias ke malbono ekzistas ĝuste ĉar oni ne obeas ĉiujn dek ordonojn, aŭ homoj kiuj opinias ke ĉi tiuj tri ordonoj estas justaj danke al tio ke ilin ordonas dio. Tiaj homoj neniam povus pensi ke konduto estas bona aŭ malbona en si mem, sendepende de tiu, kiu ordonas aŭ malpermesas.

Jen al kio reduktiĝas la universala etiko de la dek ordonoj.

*Pier Luigi Cinquantini (Italujo)*

## Ĉe Unuiĝintaj Nacioj, Vatikano estas kaj eklezio kaj ŝtato. Tio devus ŝanĝiĝi.

Ŝajnas, ke la tuta mondo enamiĝis je la papo Francisko, kaj konsiderante la intervjuon, kiun li faris lastatempe ĉe la itala jezuita periodaĵo *La civiltà cattolica*, tio estas komprenebla.

Ĉiuj esperas, ke per ĉi tiu papo realiĝos iliaj sopiroj pri ŝanĝoj. Katolikoj esperas, ke la eklezia hierarĥio same kiel ni aliaj respektos la individuan konsciencon, precipe rilate al decidoj pri seksaj aferoj kaj abortigo. Katolikoj kaj nekatolikoj kuniĝas en la espero, ke ĉi tiu papo respektos la rajtojn kaj religian liberecon de ĉiu homo, kaj ke li bridos siajn reprezentantojn, kiuj surtretas la homajn rajtojn, kiam ili insistas partopreni en politikaj decidoj je la ŝtata, nacia kaj internaciaj niveloj, kaj trudas sian ekstreman kaj danĝeran mondrigardon al virinoj tra la mondo.

Dum ĉi tiu kaj la venonta semajno, ni havos okazon por vidi, kiel kondutas la reprezentantoj de la papo Francisko. Kiam la naciaj estroj kolektiĝos en Novjorko ĉe la Ĝenerala Asembleo de UNo, inter ili estos la diplomatoj de Francisko. Ĉi tio estas gravega afero, ĉar Vatikano, nomata Sankta Sidejo, havas apartan juran staton ĉe UNo, super tiu de iu ajn alia religio. Tiu jura stato kaj ĝiaj implicoj por politikaj decidoj estas diskutataj en nova tri-minuta filmeto, kiu montras, precize kio okazas, kiam malklariĝas la limo inter religio kaj politikaj decidoj.

Pli frue ĉi-jare, dum la elektado de la papo Francisko, Vatikano rifuzis subteni deklaron de la Komisiono pri la situacio de virinoj, kiu kondamnis perforton kontraŭ virinoj. Reprezentantoj de Vatikano intervenis

ankaŭ per komentoj kontraŭ la rajtoj je kontraŭkoncipaj rimedoj kaj abortigo, kadre de deklaroj kies ĉefa fokuso devis esti problemoj de seksa perforto kaj daŭrigebla evoluo. Malkongruo inter retoriko kaj realeco ne estas nova afero. La retenema aprobo de la papo Benedikto pri kondomoj kiel "unua paŝo" sur la vojo al morala seksa konduto neniam gutis malsupren ĝis liaj reprezentantoj ĉe UNo, kie la Sankta Sidejo ankoraŭ kontraŭstaras mencion pri ili kiel manieron por malhelpi HIV, nek ĝis la vasta katolika organizaĵaro, kiu okupiĝas pri kuracado de HIV kaj Aidoso.

Vatikano ĝuas unikan aliron al la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj kaj al internaciaj konferencoj, kie okazas decidoj pri tutglobaj rajtoj kaj normoj. Kvankam ĝi zorge kultivas sian sinprezenton kiel organizaĵon, kiu parolas por ĉiuj, la intervenoj de la Sankta Sidejo ĉe UNo certe ne reprezentas la vidpunktojn de ĉiuj katolikoj. Eĉ plejparte katolikaj landoj foje malakceptas la ekstreman starpunkton de la Sankta Sidejo rilate al kontraŭkoncipaj rimedoj, seksa edukado kaj abortigo. Kial oni permesas al la Sankta Sidejo maski sin kiel ŝtaton, kaj trudi la plej mallarĝmensajn interpretojn de sia religia doktrino al ĉiuj ? Aliaj religioj havas la rangon de NeRegistaraj Organizoj, kaj multaj el ili subtenas la rajton je kontraŭkoncipado kaj abortigo, sed ili ricevas nek la respektoplenan traktadon nek la potencon, kiuj estas ĝuataj de la Sankta Sidejo.

"Oni ne permesu al la Sankta Sidejo profiti de sia supozata morala aŭtoritato, sed prefere juĝu ĝin laŭ la efektivaj rezultoj de siaj politikoj," konkludas la mallonga filmeto menciita supre. Por ke la nova aliro de ĉi tiu papo efektive sukcesu, UNo unuavice devas agnoski, ke la Sankta Sidejo ne estas ŝtato kaj ke ĝi ne ricevu pli grandan reprezentiĝon ol iu ajn alia religio. Tio estus pli signifa paŝo ol lavi la piedojn de juna islamanino, kiel faris Francisko, aŭ deklari, ke ateistoj povas esti bonaj homoj. Tio postulus, ke Francisko kaj liaj reprezentantoj tra la mondo paŝu flanken, por ke homoj de ĉiuj religioj kaj kredosistemoj havu la rajton mem fari siajn proprajn moralajn decidojn rilate al seksaj aferoj, personaj rilatoj, kaj kontraŭkoncipado kaj abortigo. Tio finfine estus io festinda.

*Jon O'Brien*
*la 30$^{an}$ de septembro 2013*

*Jon O'Brien estas prezidanto de Catholics for Choice (Katolikoj por libera elektorajto t.e. rilate al abortigo).*

Ĉi tiu artikolo aperis en la grava usona ĵurnalo *Washington Post* sub la rubriko "Pri fido". En tiu artikolo

estas aludo al interesa filmeto, bedaŭrinde nur en la angla, spektebla en la reto ĉe :

[http://vimeo.com/74665308](http://vimeo.com/74665308).

## Jesuo : homo ne dio !

Kiu ? Kie ? Kiam ? Abundas la demandoj pri Jesuo. La libro de André Cherpillod eĉ alfrontas pli malfacilan demandon : Kio li estis ? Ĉu kaj dio kaj homo, ĉu nur homo, ĉu dio el kiu oni poste faris homon, ĉu homo el kiu oni poste faris dion ? Surbaze de kritikema traesplorado de plej diversaj dokumentoj, ĉu rekte religiaj, ĉu verkitaj de tiamaj filozofoj aŭ eminentuloj, cetere pli-malpli fidindaj, André Cherpillod lerte indikas vojojn al nia kompreno. Li ankaŭ definitive baras la vojon al pluraj hipotezoj, eĉ se tiuj estas delonge akceptataj de la plimulto.

Kompreneble ni ateistoj estas delonge konvinkitaj ke ne iu Dio kreis la mondon kaj la homojn, sed ke evidente homoj kreis religiojn kaj imagis diojn. Ni do nature suspektas ke religiaj dokumentoj estas grandparte fantaziaj, sed tiu libro montras je kia grado tiuj libroj estas mensogaj koncerne la Historion mem, entenas tiom da malveraĵoj pri la okazaĵoj kaj biografioj de la plej konataj protagonistoj de tiu epoko, eĉ de la plej konata (eble la plej nekonata) : Jesuo.

Nepre konsilinda estas la legado de « Jesuo homo ne dio ! ». Al ni ateistoj, ĝi alportos amason da historiaj argumentoj favore al nia vidpunkto.

ISBN 978-2-36620-008-9
90 paĝojn ; 6 eŭrojn

Aĉetebla ĉe diversaj libro-servoj aŭ ĉe la aŭtoro mem :

Eldono *La Blanchetière*
72320 Courgenard
Francujo



La sama libro estas disponebla en la franca lingvo je la sama prezo (6 eŭroj), kaj mendebla rekte ĉe André Cherpillod.

*Christian Rivière*

## Kiel la homo ekis pensi

Nikolao Gudskov, Kiel la homo ekis pensi - Eseoj pri la helena filozofio, Moskvo: Eldonejo Impeto, 2012

Mi ne estas filozofiisto kaj pro tio mi eble ne estus devinta legi ĉi tiun libron. Sed mi konas la originalpensan Nikolaon Gudskov-on, kaj mi ne pentis, ke mi baraktis kun la libro la tutan someron por finlegi ĝin. Temas pri pli ol 250 paĝoj plenaj je interesaj faktoj. Mi lernis ĉion pri la greka filozofio de la 7-a jarcento antaŭ la komuna epoko ĝis la falo de la roma imperio. Sed mi ne vere volis lerni tion. Mi volis lerni (la titolo misgvidis min) kiel la homoj ekis pensi, kaj poste mi komprenis, ke por Gudskov pensado estas nur la kritika pensado, la pensado, kiu demandosignas la ricevitajn verojn, la ricevitajn mitojn pri supernaturaj dioj, pri la origino de la mondo, kaj simile. Do, Gudskov verkas esence pri greka filozofio kaj samtempe pri la historio de ateismo aŭ sendieco (kiel dirus esperantistoj, kiuj ne parolas la grekan).

Pensado, laŭ mi, komenciĝis tre pli frue ol la greka civilizo. Eventuale kiam iu demandis sin kial la tago sekvas la nokton kaj provis trovi klarigon. En Babilono kaj Egiptujo, ĝi progresegis kaj oni donis al si multajn klarigojn bazitajn sur observoj kaj rezonado. La tiamaj kulturaj atingoj estis la nemalhavebla bazo de la postaj meditoj de la grekoj. Kaj krome kritika pensado pri la ricevitaj mitoj efektive komenciĝas, kiam la materia civilizo atingas difinitan stadion, kaj tio okazis ne nur en Grekujo.

Sed efektive se ni limiĝas nur al la okcidenta mondo, la klasika Grekujo estas la epoko, en kiu homoj komencis racie pripensi kaj kompreni, ke ĉiuj mitaj rakontoj pri Jupitero, kiu amoras kun tiu aŭ kun alia virino, pri Junono, kiu estas ĵaluza, ktp. estas nenio alia ol fabeloj. Ĉi tiu libro donas amason da pruvoj pri la ekesto de tia kritika pensado. Unu el la kialoj, pro kio ĝi okazis en Grekujo, ŝajnas esti, ke la greka sistemo de homsimilaj dioj estis aparte infaneca, kaj do facile povis esti malkredata. Tamen, ankaŭ en tiu infaneca formo por la normalaj homoj ĝi rezistis jarmilon.

Ĉiuj ĉe ni scias pri Sokrato kaj lia kondamno pro ateismo pro tio, ke per ateismo li misgvidis la junajn atenanojn. Tio signifas, ke, kvankam filozofiistoj jam de multaj jarcentoj antaŭ la komuna epoko ridis pri la tuta diaro kun iliaj kvereloj kaj ĵaluzoj, la

politikaj gvidantoj de la grekaj komunumoj longan tempon daŭrigis la religian tradicion, konstruis templojn, dungis pastrojn, faris publikajn oferojn al la dioj. Cetere la orakolo de Delfo estis aparte respektata de ĉiuj, inkluzive kelkaj el niaj ateismaj filozofiistoj. Do, ekis pensi, en la senco de Gudskov, nur parteto de la grekoj.

Estus neprudente por mi nun diri nomojn de famaj sendiuloj, kiel ekzemple Demokrito, ĉar ili abundis kaj vi devas legi la libron por eltrovi ĉiujn. Krom Demokrito mi citu ankoraŭ unu




tre klaran, Eŭgemeron, en la 4-a jarcento a.k.e., kiu havis tute klaran rakonton, pri kiel la dioj ekestis. Ili estis komence saĝaj reĝoj, herooj kaj bonfarantoj, kiuj post la morto estis deklaritaj dioj.

Tiu sendieco troviĝas ankoraŭ en la lastaj filozofiaj skoloj, kiel epikurismo, de la filozofiisto Epikuro, en proksimume 300 a.k.e. Kunmiksante la ideojn de Demokrito kaj de aliaj, li asertis, ke la mondo estas regata de la leĝoj de hazardo sen bezono de dia interveno. Eĉ se la dioj ekzistas, ili ne interesiĝas pri la homa mondo. Evidente li ankaŭ neis la ekziston de vivo post la morto en alia mondo, kie oni estos punata.

Mi devas konsenti kun Gudskov, ke estas mirige kiel en Grekujo, almenaŭ ĉe la kleruloj aŭ sciencistoj (tia estis tiam la senco de filozofio), daŭris jarcentojn tre brila epoko de racio, dum en aliaj mondopartoj en tiu sama periodo apenaŭ okazis io tia. Kvankam oni parolas ankaŭ pri hindaj ateistoj de la jarcentoj antaŭ la komuna epoko, la afero estas tre dubinda. Kaj mi mem absolute ne enmetus la sekvantojn de Budao inter la ateistojn. Kvankam ilia mondobildo ne antaŭvidas difinitan dion, ili kredas tiom da supernaturaj aferoj pri Budao, ke ili ne povas nomi sin sendiuloj.

Mi kredas, ke la moderna epoko multon ŝuldas al tiuj antikvaj grekaj ateistoj. Legante ĉi tiun libron vi

malkovros la kialon. Ili samtempe havis tre modernajn ideojn pri la mondo, pri la globforma tero turniĝanta ĉirkaŭ si mem, pri la materio konsistanta el atomoj en daŭra movo, ktp. Vi estos surprizitaj pri la sampensado inter Demokrito kaj Albert Ajnŝtajn.

En la libro estas ankoraŭ amaso da pensigaj ideoj. Ekzemple, ĉu vi pensus ke tra la helenismaj influoj en la Meza Oriento la ideoj de la grekaj cinikaj filozofoj estus miksitaj en la Evangelio kun la hebrea mistikismo, tiel ke Jesuo parte rediras aferojn kiujn li aŭdis de disvastigantoj de cinikismo ? Pri helenisma Jesuo neniu atentigis ĝis nun. Ĉu vi povas trovi kunligojn inter la greka skeptikismo kaj la frazoj de la predikanto en la Biblio ?

En ĉi tiu libro estas vera minejo da faktoj pri la antikva Grekujo. Ĝi estas rekomendinda ne nur al ateistoj, sed al homoj interesiĝantaj pri la evoluo de nia pensado en la klasika mondo.

Mi ne estus vera esperantista recenzanto, se mi ne dirus ion pri la lingvo. Ĝi estas sobra laŭ mi, sed kun kelkaj cedoj al modernisma, naturisma Esperanto. Ĉu vere oni bezonas 'kogni' por 'koni' kaj kelkajn aliajn similaĵojn ?

Fina perlo : informoj pri la unua konata kreo de artefarita lingvo post la morto de Aleksandro la Granda fare de Aleksarĥo en la sendependa urbo Uranopolis (ĉielurbo). Temis pri socia reformisto, kiu havis la eblon eksperimenti per siaj reformoj. Se la afero ne estus perdiĝinta tuj, nun ni parolus internacian lingvon kun grekaj finaĵoj kaj persaj, trakaj kaj fenikaj radikoj.

Renato Corsetti

## Flugfolio pri ATEO

ATEO nun havas flugfolion por prezenti sian laboron al la esperantistoj. Tio estas utila, se oni deziras prezenti ATEOn ĉe loka grupo, nacia kongreso aŭ simila okazo. La flugfolio konsistas el unu folio A4 presita ambaŭflanke kaj faldita en tri sekciojn. La ekstera flanko konsistas el jenaj tri sekcioj : Alvoko al interesatoj kaj simbolo de la asocio ; Membriĝu en ATEO ! ; Celoj de ATEO. La interna flanko enhavas jenajn sekciojn : Agadoj de ATEO ; Kio estas ateisto ? ; Bulteno de ATEO.

Se vi deziras utiligi la flugfolion, vi povas ricevi la komputilon dokumenton por presado per via hejma presilo aŭ fotokopiado. Eblas do senprobleme fari malgrandajn kvantojn. Bonvolu peti la dokumenton de la sekretario de ATEO ĉe :

anna.lowenstein@esperanto.org.

# *Ateismo*

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo



Bonvolu sendi viajn artikolojn al : ateismo@orange.fr


Por informoj : **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org
via del Castello 1, 00036 Palestrina, Italujo


*Prezidanto :* **Roland Schnell**, Germanujo
*Vicprezidanto :* **Dominique Simeone**, Francujo
*Sekretario :* **Anna Löwenstein**, Italujo
*Kasisto :* **Dieter Rooke**, Svislando
*Redaktoro :* **Christian Rivière**, Francujo

*Jarkotizo :* *10 € por A-landoj*
*8 € por B-landoj*

*Konto* ***ateo-y*** *ĉe UEA*